# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 02/05/2014 Cent sesdekdua eldono 03/05/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

### Kafo favoras hepatojn



Kuriozaj estas foje la medicinaj "veraĵoj". Kio hodiaŭ estas absoluta kredindaĵo eble morgaŭ fariĝos spitaĵo. Tipa ekzemplo pri tiu fenomeno estas la medicinaj rekomendoj rilate kafon. Ĉu kafo estas saniga aŭ malsaniga trinkaĵo?

Ekde la malkovro de ruĝaj fruktetoj, kiuj vigligis kaprojn en Etiopujo, antaŭ multaj jarcentoj, la nigra trinkaĵo fariĝis universala kutimo. Preskaŭ ĉie en la mondo homoj ĉiutage trinkas kafon je variaj kvantoj. Miloj da tunoj da grajnoj rostiĝas kaj pulvoriĝas por kontentigi miliondolaran merkaton. Oni klopodas kulturi specialajn speciojn serĉe de rafinitaj gustoj, oni inventas specialajn maŝinojn por preparado de kremeca trinkaĵo, oni fabrikas la tujsolveblan formon de la pulvoro. Kafo varmigas ne nur la stomakojn, sed ankaŭ interparolojn – kaj tiel ĝi fariĝis parto de la kulturo de popoloj.. ktp, ktp. Klaku, aŭskultu, legu, lernu, spertiĝu.

http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# 23. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. E



La Mediala Voĉo, tre lerta esprimilo por leĝistoj kaj tre populara en Esperanto, donas iom da malfacileco al lernantoj de nia lingvo pro tio ke en eŭropaj lingvoj ĝi ne reprezentiĝas per speciala Sufikso, sed per speciala Helpverbo. La angla lingvo, tamen, plej sukcese faras tion, per la helpverbo “get”, kiun ĝi povas uzi antaŭ ĉiu verbo. Kaj ĝi indikas, same kiel la Esperanta “-iĝi”, ke oni ne povas aŭ volas diri, kiu aŭ kio estu la origina faranto de la ago. La ricevita ago povas farati de persono, de besto, de planto, de natura forto, de nenio, de si mem, sed ‘gi ĉiam aspektas kvazaŭ estas iu kaŭzo, kvankam ne menciita. Kelkfoje tiu origina kaŭzo estas menciata, sed ne kiel aganto (kio ĝi estis!), sed kiel kaŭzo, ekz. “La akvujo pleniĝis (= plenigiĝis) pro la multa pluvo”, kaj “Mi konsterniĝis pro la hitleraj decidoj”.

Proksimsemajne ni prilumigos la uzojn de la Sufikso “-iĝ-“ kun Netransitivaj Verboj, Substantivoj, kaj Adjektivoj. Pro sia ankoraŭ neofta uzado, la Sufikso “-at-“ ankoraŭ ne, kaj eble neniam, kunmetiĝas kun kategorioj krom la Transitivaj Verboj.

Marcel Leereveld.

---

# Pasintaj numeroj de ‘Aŭstraliaj Esperantistoj’

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

---

## SENDU NOVAĵON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

---

La fama Tibor Sekelj parolas pri la graveco vidi la similaĵojn inter homoj, pri kiom grava Esperanto estis por li. En la serba. Angla subteksto haveblas.
https://www.youtube.com/watch?v=EEDJPQDmj_k Amike, Nicole

---

En la revuo Esperanto de majo estas du-paĝa artikolo pri Richard Delamore.
Amike, Nicole



---

# Nova Esperanto – dana vortaro.

mi kun granda ĝojo povas anonci, ke ĵus aperis nova Esperanto – dana vortaro.
Ekde tuj haveblas la granda nova Esperanto – dana vortaro de Preben Valdemar Bagger.
En 2009 Jacob Nordfalk vizitis Preben Bagger kaj skanis la de Preben Bagger ellaboritan krudmaterialon por la vortaro.
Alina Pokhrel en Nepalo transprenis la taskon entajpi la 800 paĝojn en tekstdosierojn.
Ekde 2010 Jacob Nordfalk, Jytte Sunekær kaj Peter Weide kontrolis, korektis kaj ampleksigis

la materialon.
La rezulton de tiu laboro en pdf-formato vi povas libere kaj senpage elŝuti ĉe http://javabog.dk/esperanto/dana_vortaro_bagger/ . (Elektu vortaro.pdf) Pri la ekesto de la vortaro vi povos legi iomete fine de la dosiero.
Presita, libroforma eldono estas en preparo. Pro tio la laborgrupo petas, ke oni ne mem printu la dosieron, sed subtenu tiun eldonon per mendo, kiam eblos. Dankon!
Amikajn salutojn,
Peter Weide
por la laborgrupo



P.S. La bildo montras Jacob Nordfalk, Jytte Sunekær kaj Peter Weide dum malgranda solena vespermanĝo okaze de la prezento de presita eldono de la vortaro.

---

# la Esperanto-movado evoluas



**Enciklopedio de Esperanto superas rekordon**
**Kreita en Aŭstralio la Esperanto-TV**
**Itala Kongreso de Esperanto**
**Brazila Esperanta filmo premiita en Ĉinio**
**Ponta Festo**

http://www.boavontade.com/eo/esperanto/sciu-kiel-la-esperanto-movado-elvolvigas-en-la-mondo
sendis Paulo César el Brazilo

---

# AL KIO UTILAS ESPERANTO ?




Mi tre ĝojas anonci al vi ke mi **publikigis la trian videon** en kiu mi montras al vi la kernan problemon de Esperanto kaj kiel mi agas por ŝanĝi tion. => Spekti la videon
kaj prezentas mian opinion .
Spektu ĝin tuj ĉar mi atendas **viajn reagojn en la komentoj** sub la video.
Bonan spektadon Roger Springer.
Cyrille Hurstel

---

# Mezuri la venton

Musklaku por spekti la videon en Youtube



Kiel mi anoncis en la video « Kion fari », mi tre ĝojas montri al vi la rezulton de la laboro en « Le Vaisseau ».

Dank'al la klopodoj kun Fabien Tschudy, vi povas spekti tiun sciencan filmon kaj lerni kiel mezuri la venton.

Tiu filmo estis malfacile farebla ĉar ni devis filmi kiam ne estas publiko, do nepre lunde kiam « Le Vaisseau » estas fermita. Sed tio estas lerneja tago kaj tiam la infanoj ne disponeblas por amuziĝo per Esperanto. Ni do elektis 2 lundojn dum ferioj.

Sed alia problemo estis ke la ekspozicio estis nur portempa. Post la ferioj, ĝi malaperos. Restis nur 2 lundoj dum la ferioj antaŭ la malmuntado kaj la infanoj konsentis pri nur unu tago. Ni devis plani ĉiujn bildojn kun la infanoj unue kaj fini la reston la sekvantan semajnon. Nur 2 personoj por 2 kameraoj, 2 sonsistemoj, lumoj, tekstoj, infanoj ktp, tio ne estas granda skipo !



Tamen, la filmo ekzistas. Se vi vere deziras ion, neniam rezignu.

Spektu ĝin, **diru al ni en la komentoj ĉe Youtube tion**, kion vi pensas.

Amike, Cyrille Hurstel



# La Adelajda Esperanto-klubo.



Sabaton, la 26-an de aprilo, la adelajdanoj aŭtis 22 kilometrojn sude de la urbo por fari ekskurson. La celo estis mediprotekta parko Hallet Cove, kultura kaj geologia heredaĵo de Aŭstralio. Dum facila promeno ni vidis "montetojn", kiuj estas pruvo pri ekzisto de glaciepoko en nia kontinento (antaŭ 280 milionoj da jaroj). Laŭ bona kutimo la postekskursa ripozado okazis en kafejo.



Kun amikaj salutoj, Katja Steele

***"Nenio rezultas, se oni fermas la okulojn fronte al iu problemo. Pli saĝe estas transformi ĝin en venkon".*** José de Paiva Netto

# Saluton el Esperanto-Klubo de Katmandu

Mia nomo estas Anilo de Nepalo. Mi vizitos Aŭstralion la 25an de majo por la "Rotary Convention" do se vi havos tempon ni renkontiĝos en Sydney, Brisbane , Kanbera kaj "Gold Coast" Bonvolu sendi vian adreson kaj telefonajn numerojn al mi. tikatravel@wlink.com.np kaj tuladharanil@hotmail.com

Ĝis Anil Tuladhar Esperanto-Klubo de Katmando

# FERMU LA OCEANOJN



Ĉu fermi la oceanojn kontraŭ fiŝkaptistoj por konservi la lastajn mondajn marfiŝojn ?

http://news.discovery.com/earth/oceans/should-we-close-the-ocean-to-save-fish-video.htm Angla lingva programo.







# Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.

Ĉu vi havas pli bonan metodon?

# ? NOVA PREZIDANTINO DE AEA ?

Ĉe peto (1a majo 2014) aliĝi al 'Linkedin' sendita al Gerry Phelan, Dianne Lukes erare pretendis ke ŝi estas ankoraŭ Prezidanto de AEA. Notu, Sandor Horvath estas la Prezidanto de AEA



# Esperanto-Domo Sidnejo

## Anoj kunvenas la trian dimanĉon de ĉiu monato 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Dimanĉe la 27an de Aprilo 2014 okazis kunveno por plani la lingvan festivalon. Eble 10 venis al tiu kunveno.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-05-01 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (01/05/2014) ĉeestis
Esther, Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO: MELBURNO**
Bedaŭrinde la prezoj kaj kondiĉoj de la proponita kongresejo en Wollongong estis tro malbonaj kaj tro altaj……($135.00/tage) Do, finfine ni decidis kongresi refoje en Melburno dum januaro 2015 en pli kutima loko: International House.
Heather kaj Esther jam komencis negoci kun International House.

*** INSTRUISTO POR LA JANUARA KONGRESO**
Ni daŭrigis la serĉadon. Kvankam ni konscias pri la neeviteblaj vizproblemoj, ni preferus instruiston el malriĉa lando…

Dankon Jennifer pro viaj proponoj kaj pensoj.
Se vi havas proponon, ne hezitu informi nin.

* **ESPERANTO TV**
Ni konsentis subteni Esperanto TV per monsumo de $ 3,000.
Vi mem kontrolu! Jen bona enkonduko:
http://www.istreamstudios.tv/index.php/video/51/bonvenon-al-esperanto-tv/
Bv ankaŭ pensu kiel vi povus kontribui.

* **KOMPANIO > ASOCIO**
Heather klarigis, ke ni devas krei novan asocion, transigi nian monon al ĝi kaj poste "fermi" la nunan kompanion. Tio signifas ke dum iom da tempo ekzistos kompanio kaj asocio samtempe.
La proceduro okazas.

* **RETEJO**
Jonathan daŭrigas plibonigi nian retejon.
La lasta bonvena aldonaĵo estas: "Latest News" sur la enirpaĝo. Bv sendi ilin al li.

La venonta Skype estrarkunveno okazos ĵaudon, la 15-an de majo, je la 19:00(EST)

Esther, Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

# Pensoj pri maljusteco



Ĵus finiĝis la ĉefa festotago de Aŭstralio, la tiel nomata "Anzac-Tago". Ĉi-foje la 99-a. Ĉiun jaron oni celebras ĝin en nia lando. Oni honoras ne nur la mortintajn soldatojn de pasintaj militoj, oni honoras ankaŭ tiujn, kiuj ankoraŭ vivas.

Tiu tago ĝojigas la plej multajn aŭstralianojn. Ĝi estas kvazaŭ religio kun piedpilkbatalado kaj troa drinkado en la drinkejoj. Geavoj kaj gepatroj rakontas al siaj genepoj kaj gefiloj pri siaj heroaj edzoj, patroj, fratoj, filoj ktp. pri la gloraj spertoj de la ekssoldatoj. La nepoj kaj filoj aŭskultas kun larĝe malfermitaj okuloj – kaj oreloj – eble eĉ buŝoj kaj decidas, kaj promesas, ke tuj post kiam ili atingos la necesan aĝon, ankaŭ soldatiĝi kaj kun ĝojo eliri por esti mortigataj sur la sangokovritaj buĉokampoj.

Nu, ni ĉiuj scias, ke infanoj estas ĉarmaj ktp. Kaj kompreneble la plej prudentaj el ili iom post iom forgesos siajn promesojn. Tio estas bona, eĉ bonega, sed ni ne forgesu, ke ne geavoj kaj gepatroj, sed bedaŭrinde ankaŭ la instruistoj kaj registoj uzas sian povon kaj intensan doktrinigon verŝajne por ke ni ankoraŭ ne vidu la lastan militon.

Ili iel kaj ial kreas militon kaj la ankoraŭ senkulpaj kaj fidantaj junuloj estos sendataj al la jam menciitaj sangokovritaj buĉokampoj. Ili tre fieras, ĉar baldaŭ ili fariĝos herooj. Ili tute ne scias tion, ke la plej multaj el ili estos terure kaj kruele mortigitaj kuraĝigitaj de siaj oficiroj. Ili certe revenos hejmen kiel herooj, sed bedaŭrinde nur kiel mortintaj herooj en ĉerkoj. Tio estos ilia pago, ĉar ili senpripense pretis defendi sian ĉefministron kaj patrujon. Neniu el ili ŝajnas kompreni, ke la tuta mondo estas nia Patrujo !!!

Feliĉe la plej multaj el iliaj geavoj, gepatroj, instruistoj kaj registoj postvivos la militon. Ili verŝos larmojn, kompreneble, kaj priparolos la heroaĵojn de siaj nepoj, filoj, lernantoj kaj regatoj, sed ili mem tute ne suferas ion ajn. Kaj ili certe ne pagos kompencon al iu ajn pro la perdo de edzoj, filoj, fratoj ktp.

Kaj ni tute ne forgesu, ke ankaŭ la soldatoj de la tiel nomataj "malamikoj" estas same mistraktataj de siaj pliaĝuloj kaj tiuj, kiuj respondecas pri la bonfarto kaj sekureco de sia lando.

Nu, jen mia demando urĝa: Kiom longe ni mondcivitanoj devos toleri tiun maljustecon ? Kial estas ĉiam la senkulpaj kaj malriĉaj, kiuj devas pagi ?

Espereble la plej multaj el ni estas pacamantoj. Sed ni estu samtempe ne tro fidemaj al la politikistoj, kiuj fakte ne pensas pri ni, ili pensas nur pri si kaj la multaj riĉuloj, kiuj ĉiam pagas ilin por ke okazu ilia volo.

Kiam, antaŭ tre longe, eĉ longege, la unuaj homoj aperis sur la Tero, ili kompreneble estis tre primitivaj. Sed ili devis ja vivi, tio signifis ke ili devis manĝi. Nu, sur la Tero kreskis jam multaj manĝeblaj manĝaĵoj kaj ankaŭ freŝa akvo fluis tie. Tio devus sufiĉi por la homoj, kaj tio sufiĉis por ke ili povu vivi pace kaj harmonie. Sed iom post iom iuj el ili deziris provi manĝi la karnon de siaj prapatroj, la amoplenaj fidantaj bestoj. Ili do simple mortigis kaj manĝaĉis ilin. Tiel komenciĝis la barbareco, pro kiu ni ankoraŭ suferas hodiaŭ.

Sed nun oni ne nur mortigas la bestojn, tio evidente ne sufiĉas por la moderna homo. Nun oni volas mortigi ankaŭ aliajn homojn. Do, la religio de la moderna homo estas mortigado, do militado.

Por atingi ĉiaman mondpacon ni ne atendu ion bonan de la diversaj registaroj en la mondo. Ili certe ne volas pacon, ili jam tro ofte pruvis tion. Necesas nun, ke ni ĉiuj rifuzu "servadi" tiun kruelegan deziregon de niaj "gvidantoj" !!!

**Bob Felby**